1° Que votre pensée soit claire !
2° Traduisez des pensées, non les mots de votre langue maternelle.

Dans son très bon cours complet d'Esperanto, le commandant E. Matton n'a pas manqué de placer ces principes dès le début de son bon petit livre.
Il n'est pas mauvais que nous reproduisions ici son texte :

« L'Esperanto se règle en toutes circonstances « d'après le principe supérieur de la *clarté du sens*, « auquel tous les autres principes sont eux-mê- « mes subordonnés.
« Il n'admet aucune ambiguïté.
« L'Esperanto exprime toujours directement et « simplement *l'idée* à rendre ; il n'admet pas d'idio- « tismes ».

Que tous et chacun s'observent, nous le premier ! Il en est temps.

B. S.

1e) Via penso estu malkonfuza !
2e) Traduku pensaĵon, ne vortaĵojn de via natura lingvo !

En sia tre ŝatinda « Plena lernalibro d' Esperanto », komandanto E. Matton, tre ĝuste, tre racie, metis tiujn principojn ĉe la komenco de sia tre bona libreto.
Ne estos malutila ree diri ĉi tie lian tekston :

« Esperanto, en ĉiu cirkonstanco, celas, super ĉio, « la klarecon, la malkonfuzon de la senco ; tiun prin- « cipon devas nepre kaj absolute obei ĉiuj aliaj.

« Esperanto akceptas nenian du aŭ multsencon.
« Ĉiam kaj ĉie, Esperanto esprimas nur, rekte kaj « simple, la ideon esprimotan ; ĝi akceptas nenian « idiotismon. »

Sin observu ĉiuj kaj ĉiu, ni la unua ! Tio urĝas !

B. S.

---

## TRA LA MONDO ESPERANTISTA

### KELKLINIAJ NOVAĴOJ.

La belgaj socialistoj delegis Sron Camille Huysmans kiel raportanton de la demando pri internacia lingvo ĉe la Socialista Kongreso de Stuttgard.

La maristoj havos baldaŭ propagandan organismon ; ni ricevis sciigon pri la kreo de Marista Esperantista Ligo, kiu deziras ricevi ĉu aliĝojn, ĉu nur aprobon pri tiu iniciativo. Sin turni al Sro René Mesny, La Huguette, en Granville (Manche) France.

De la 12a ĝis la 21a de Julio, okazos en Rio de Janeiro (Brazillando) Kongreso de la Brazilaj Esperantistoj, organizita tiel, kiel la kongresoj de Boulogne kaj Genève, tio estas kun ekspozicio, publika solena malfermo de la kunvenoj, granda festo, ekskursoj, k. c. Adreso de la organizanta komisio : Commissao do Congresso Brazileiro de Esperanto, rua dos Ourives, 85, (1a andar), Rio de Janeiro.

La Ĵurnalo « Tra la Mondo » enpresos la nomojn de la ĉiulandaj militistoj, kiujn oni povas konsideri kiel verajn Esperantistojn, tiamaniere ke ili povus interrilatiĝi. Tio permesos ankaŭ alporton da bonaj argumentojn por efika propagando.

La bohemaj Esperantistoj intencas organizi specialan kunvenon de Esperantistoj kaj samideanan feston en Praha (Prague) dum la Va festo al kiu partoprenos la fremdlandaj federacioj gimnastikaj, de la 28a de Junio ĝis la 1a de Julio ; sin turni por detaloj al la redakcio de la Bohema Ĵurnalo.

La Esperantista grupo de « Le Creusot », en Franclando eldonis revueton de l' grupo, en celo de propagando, kiu raportas pri IIa kongreso, la Tria, la konsulejoj, kroniko, rakontoj k. c. Ĉu tiu revueto fariĝos eble regula ?

El Portsmouth oni sciigas nin, ke kelkaj personoj parolas novan universalan lingvon : Ekselsioro ; plie ni aŭdis ankoraŭ pri la Nov-Esperanto... ankoraŭ en Anglalando.

En Saïgon, la Leŭtenanto-Guberniestro Rodier permesis uzon de la granda salono de sekretariejo de l' gubernio por la kurso publika kaj senpaga, kiun Sro Carrère, prezidanto de la « Esperanta Grupo de Cochinchine», komencis de la 30a de Marto.
Esperanto, malgraŭ foresto de iaj azianaj radikoj, estas bone akceptita en Orientaj landoj. La Sinlando komencas ankaŭ imiti la Japanlando, kaj oni povas antaŭvidi la momenton kiam, pri Esperanto kiel pri aliaj temoj, la Azianoj, kiuj komencis pli malfrue ol ni, baldaŭ atingos nian scion, eĉ, en estonteco antaŭeniros pli rapide ol ni.
Ekzemple : en Japanlando, Esperanto estas instruata en Supera Lernejo de fraŭlinoj en Sumoto.

La junaj blinduloj, lernantoj de la Perkins Institution en Boston (Ameriko) donis Esperantan koncerton en tiu urbo al granda aŭdantaro. Ili intencas sendi delegiton al la Tria Kongreso.

Ĝis nun, la internacia Scienca Asocio Esperantista rikoltis aliĝojn da 300 anoj de diversaj sciencoj, artoj, industrioj. k. c. de ĉiuj landoj de l' mondo.

En Bergen (Norveglando) Sro adjunkto Einar Schibbye faris paroladon en la Ĉambrego de la muzeo, pri Esperanto. Tio kreis grandan intereson en la urbo ; grupo da 150 personoj stariĝis kaj nun ekzistas 4 kursoj ; unu el ili kalkulas 70 lernantojn.

La leŭtenanto Silvestriev, de la Bulgara armeo, ricevis oficiale, la permeson porti la Esperantan kvinpintan verdan steleton ; ni notas tion pri ĝia oficiala karaktero.

Sro de Beaufront, prezidanto de la Franca Societo por propagando vizitis kelkajn grupojn de la Nordo de l' lando, kaj en la vizititaj urboj, li faris serion da tre belaj kaj sukcesplenaj paroladoj. MOZANO.

## KURIOZAJ INTERNACIAJ ILOJ.

**Universala kalendaro.** Ĉio, kio povas faciligi la interrilatojn ĉu sciencajn ĉu komercajn, interesas la Esperantistojn. Inter la provoj prezentitaj estas la demando pri la akcepto, en ĉiuj landoj, de Universala komuna kalendaro.

La mezuroj la plej precizaj pruvas ke la daŭro de la astronomia jaro estas 365 tagoj kaj partumo de tago, determinita de S$^{ro}$ Förster el Berlino po 0.2422 ; tiu valoro estas preskaŭ absoluta kaj eterne ĝusta.

Por starigi novan kalendaron, S$^{ro}$ Achille Faure, franca astronomiisto, proponas la sekvantan regulon, tre simplan :

al jaro, de kiu la lastaj ciferoj estas :

| | | |
|---|---|---|
| 0 aŭ 5, | oni aldonos | 1 tagon ; |
| 00 — 25 — 50 — 75, | » | 2 tagojn ; |
| 000 — 500, | » | 3 tagojn ; |
| 0000 — 5000, | » | 4 tagojn. |

Laŭ tiu regulo ekzemple,

| | | | | |
|---|---|---|---|---|
| La jaro | 1913 | havus | 365 | tagojn |
| » | 1915 | » | 366 | » |
| » | 1925 | » | 367 | » |
| » | 2500 | » | 368 | » |

En unu centjaro estos nur 4 jaroj da 367 tagoj.
En unu miljaro estos nur 2 jaroj da 368 tagoj,
En jaro 5000$^{a}$ okazos la unua jaro de 369 tagoj.

Por la unua tago, S$^{ro}$ Faure proponas la printempan noktegalecon. Ĉar la semajno estas en konsento kun la astronomiaj fenomenoj kaj respondas al fazo de la luno, la aŭtoro elektas la semajnon kiel fundamenton de sia sistemo.

Konsekvence li elektas monatojn egallongajn kaj oblajn de la semajno.

La luno instigas lin al elekto de monato enhavanta 4 semajnojn. La nombro de la monatoj estus 13 kaj restus almenaŭ unu superflua tago.

Tiu tago, kaj la alia laŭ okazo, estos specialaj festtagoj tute ekster la semajno ; ili ricevos apartajn nomojn kaj komencos la jaron. La 1$^{a}$, 8$^{a}$, 15$^{a}$ kaj 22$^{a}$ tagoj de ĉia monato estus dimanĉoj ; la 2$^{a}$, 9$^{a}$, 16$^{a}$ kaj 23$^{a}$ estus lundoj, k. c.

Kompreneble oni devus krei novajn neŭtralajn nomojn por la monatoj. La belaj poeziaj nomoj de la respublika kalendaro ne taŭgus, ĉar ili rilatas nur al la klimato de Eŭropo. S$^{ro}$ Faure proponas :

| | | |
|---|---|---|
| 1 Primo. | 2 Sekundo. | 3 Tercio. |
| 4 Kvaterno. | 5 Kvinterno. | 6 Sesterno. |
| | 7 Ekvinoksio. | |
| 8 Oktembro. | 9 Novembro. | 10 Decembro. |
| 11 Elvimo. | 12 Duzimo. | 13 Ultimo. |

Oni konstatos ke la proponita kalendaro estas ĝusta, regula, scienca, logika kaj neŭtrala.

La nombro de la monatoj, 13, estas plenuma, t. e. ke oni ne povas dividi ĝin, ekzemple por la lupagoj. Sed jam de longe, la bankieroj kalkulas la pocenton laŭ la tagoj por jaro da 365 tagoj.

Kelkaj scienculoj proponis ke oni partigu unu jaron en 4 sezonoj da 13 semajnoj.

Malgraŭ la taŭgeco de tiu propono, la universala akcepto de tiu kalendaro aŭ de alia tiel logika kaj tiel tutmonda, estas bedaŭrinde revo.

*Eltirita el artikolo de* S$^{ro}$ Carlo Bourlet,
*Internacia Scienca Revuo, 40$^{a}$ n$^{o}$.*

***

**Internacia monsistemo.** Oni jam nigrigis multon da papero pri la akcepto de la metrosistemo de ĉiuj civilizitaj popoloj. Ni ne povas tie ĉi trakti tiun demandon, de kiu la amplekso estas tro vasta por nia humila ĵurnalo. Tamen ni montros internacian sistemon proponitan por la mona valoro.

La solvo de la demando pri mono estas pli facila ol tiu pri la sistemo de pezoj kaj mezuroj. Oni ne povos altrudi unu el la naciaj decimalaj sistemoj al la tuta mondo ; ĉiuj nacioj postulos konservon de sia kutima mono. Sed oni povus elekti komunan bazon kun speciala nomo, en rilato kun la diversaj fundamentaj valoroj ĝis nun uzitaj ; la tagaj varioj de la valoro de la naciaj moneroj (kursvarioj) ne koncernas la demandon, ĉar la nova internacia bazo estas fiksota rilate al la interna *ora valoro*, sendepende de la kursdiferenco, kiu ne malaperos.

Ankoraŭ ne estas necese ke ekzistus realaj moneroj de la proponata sistemo.

La propono estas resumita tiel :

1$^{e}$ Oni donus al la universala unuo « speso » (france = *espèce*, angle = *specie*) teorian monvaloron tre malgrandan, tiamaniere ke oni povus esprimi ian ajn monsumon nacian per nombro entjera da spesoj.

2$^{e}$ Flanke de la teoria unuo « speso » uzota nur por kalkuloj, oni uzus praktikan unuon milfoje pli grandvaloran ; ĝia nomo estos « spesmilo ».

La centona parto de unu spesmilo ricevus nomon de « spesdeko ».

3$^{e}$ Oni fiksus la teorian valoron de la speso per la valoro de la spesmilo, kiu estos tiamaniere elektita, ke ĝi egalvaloros, kiel eble plej proksimume, la diversajn naciajn unuojn, aŭ iliajn oblojn.

Por precize fiksi la valoron de l' spesmilo oni rilatigos ĝian valoron kun preciza pezo da *pura oro*.

Ni komparu la diversajn pezojn de sama sumo :

| | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|
| 25 frankoj | = 7.258 | gramojn | da | pura | oro. |
| 5 dolaroj | = 7.523 | » | | » | » |
| 1 livro st. | = 7.322 | » | | » | » |
| 20 markoj | = 7.168 | » | | » | » |

Por plene difini la valoron de 10 spesmiloj elektitaj kiel ora fundamento, oni bezonas decidi kian proporcion da pura oro, tiu ormonero devas enteni, ĉu 9/10 laŭ Latina kutimo, ĉu 11/12 laŭ Angla kutimo ?

La pezo da *pura oro* entenonta en la universala (estonta !) ora monero devos alproksimiĝi je la meza pezo, kiu estas 7.318 gramoj.

Oni proponas do ke la 10 spesmiloj aŭ 1 spesdekmilo pezu 8 gramojn, po 11/12 da pura oro (7.333...)

Oni ricevos la proporcion :

| | | |
|---|---|---|
| 10 spesmiloj | = 1,0015 | liv. sterl. |
| | = 25,26 | frankojn. |
| | = 20,46 | markojn. |
| | = 4,875 | dolarojn. |

Se iam oni presigos 10 spesmilan ormoneron internacian, sendube la Latinoj (Francoj, Italoj, Hispanoj, k. c.) akceptus ĝin po 25 frankoj, la Angloj po 1 liv. st. la Germanoj po 20 markoj, la Portugaloj po 4 1/2 milrejsoj. Pri la Amerikanoj la 2 oraj spesdekmiloj kaj unu kvarono da dolaro (arĝenta monero tre uzata) valoros 10 dolarojn. Por la Rusoj, 1 ora spesdekmilo estus praktike sama valoro kiel 9 1/2 rubloj (la diferenco estas nur 3 kopekoj), por la Japanoj, 1 ora spesdekmilo valorus ĉirkaŭ 1000 jenojn (1897) aŭ 500 jenojn (1871).

La internacia monunuo « speso » estus ankaŭ tre taŭga por la poŝtaj spezoj kaj por internaciaj poŝtmarkoj ; la nuna transporta pago de letero sendota fremdlanden estas : 25 centimoj, aŭ 20 pfenigoj, aŭ 5 cendoj, aŭ 2 1/2 pencoj, k. c. internacie : 10 spesdekoj (aŭ 1 spescento).

Plie, se la regnestraroj interkonsentus presigi internaciajn poŝtmarkojn (ĝoje kaj entuziasme akceptotaj de la kolektantoj) da 1 spescento, 1 spesdeko kaj 1 speso, oni povus uzi ilin kiel internacian monon tre taŭgan por malgrandaj pagoj.

*Eltirita el artikolo de* S^ro^ René de Saussure, *Internacia Scienca Revuo, 41ª nº.*

***

**Universala alfabeto.** Se oni jam multe batalis, sen rezultato, por la akcepto de universala poŝtmarko, oni ankaŭ batalis kaj certe batalos por la forpelo de la supersignitaj literoj.

Rusa Esperantisto, S^ro^ K. Ostanieviĉ, unu el la plej malnovaj adeptoj, proponas solvon kiu, samtempe, permesos al ĉiuj popoloj skribi sian nacian lingvon per tiu alfabeto, eĉ la Rusoj, Sinoj kaj Japanoj.

La propono de S^ro^ Ostanieviĉ estas tute nova kaj ŝajnas iom stranga ; pro tio ni ĝin reproduktas sube. Ĉi interesos certe niajn gelegantojn, kiuj konstatos ke nia samideano elpensis tre kuriozan solvon, en proksima formo de la alfabeto Braille por blinduloj, sed, bedaŭrinde, de kiu la akcepto ne estos facila, ĉar tio postulus plenan ŝanĝon de la materio en la presejoj kaj aliajn konsekvencojn, kiujn ni ne intencas esplori en tiu ĉi skribaĵeto.

La lego estas sufiĉe facila ; la scivolemulo legu la unuan tekston :

Fundamento da alfabeto estas kvadrato dividita je 4 partoj. Por alfabeto esperanta estas prenitaj 4 plej simplaj kombinacioj en ornamo-materialo por aliaj literoj de lingvoj havantaj pli ol 28 literojn.

La dua teksto estas « Patro nia » kiu estos facile legebla de niaj lertaj gelegantoj.

S^ro^ Ostanieviĉ ne montras kiel li skribus sian alfabeton, ĉar lia poŝtkarto estas skribita laŭ la antikva formo. Tio estas tre grava vidpunkto de la demando, ĉar vera kaj taŭga solvo internacia, nepre postulas ke oni devas ricevi la saman impreson de la skribaĵo kaj de la presaĵo ; do ni devos skribi kiel oni presos. Pri tio D^ro^ Javal priparolis longe en sia bela libro: *Physiologie de la lecture et de l'écriture.*

Ĉiu el ni povus ankoraŭ elpensi specialan alfabeton, ĉar la tuta mondo scias tre bone ke la Esperantistoj estas tre lertaj kaj havas sufiĉe (eĉ tro) da mono kaj da tempo (alia mono internacia) por tion fari.

G R T F N O P Ĵ Ĉ J M Z A D
L Ŭ K I S U C V Ĝ B E Ŝ Ĥ H
ABCĈDEFGĜHĤIJĴKLMNOPRSŜTUŬVZ
Nº 1 2 3 4 5 6 7 8 9 0 $
. , ' ; : ... — ! ? ) = ,, " ( )

Estimataj Sinjoroj 19 9/V 07
Mi petas vian opinion pri mia alfabeto, kaj ĉu Vi povas vendadi miajn verkajn
Kun estimo K. Ostanieviĉ
Kontoro Esperanto St. Peterburgo

Kompreneble ni ne certigas ke ni reproduktos ĉiujn prezentotajn projektojn, pri tio nia dekdupaĝa ĵurnalo ne sufiĉus !

Ni nur montras tiun ĉi por altiri atenton de la Esperantistaro sur la multnombraj problemoj, kiuj atendas taŭgan solvon de la ĝenerala akcepto de ia internacia lingvo. La unua internacia problemo estas la lingva problemo. Solvo de tiu ĉi faciligos solvon de la aliaj ; la nunaj provoj estas interesaj sed ne praktikeblaj pro malsameco de la lingvoj.

J. J.

# KRONIKO DE LA GRUPOJ.

**Bruges**. — A la réunion du 3 mai, le comité du Groupe Espérantiste Brugeois a désigné son secrétaire, M. le lieutenant Van Weyenbergh, en qualité de second délégué auprès du Comité de la Ligue Espérantiste Belge.

M. le sous-lieutenant Speybrouck a été élu pour remplacer Mlle De Bois, dans les fonctions de trésorier du groupe.

Nous avons déjà parlé succinctement de la fête du groupe ; aujourd'hui nous donnerons quelques détails sur la manifestation réussie de nos amis brugeois.

La Bruĝa Grupo Esperantista a dignement clôturé le cours d'hiver 1906-1907 par une petite fête littéraire et musicale, la première offerte par ce groupe à ses membres et qui réussit entièrement.

Parmi le nombreux public, nous remarquons beaucoup de dames, une cinquantaine de membres de la colonie anglaise à Bruges, grand nombre d'officiers de la garnison, ainsi que des sous-officiers, etc., etc.

Le programme était très fourni.

Citons : « La lupo kaj la ŝafido », la fameuse fable de La Fontaine, déclamée avec un brio et une assurance parfaites, par une espérantiste de 11 ans, Mlle Duverdyn, la fille du sympathique président de la Croix Rouge. Cette partie du programme souleva un tonnerre d'applaudissements.

Une charmante espérantiste de la colonie anglaise, Mlle Were, obtint un succès non moins grand en chantant d'une voix superbe la jolie romance « Kion vi deziras ? » poésie de Noterdaeme.

Citons ensuite Mlle Boedt et Mons. Van de Vyvere, chantant « Sekreta Vivado », poésie de Van Oye, et « La Ventoj » poésie de Guido Gezelle.

N'oublions pas M. le commandant et Mme Duverdyn, deux excellents pianistes qui charmèrent l'auditoire en jouant des quatre-mains, ainsi que Mlle Huysman, pianiste, exécutant la « Grande Valse » de François Bendel.

Enfin, le dernier numéro, un chœur : « Antaŭen Bruĝanoj », paroles et musique du président du groupe, obtint un succès très grand.

Vers le milieu de la fête, le lieutenant Van Weyenbergh, secrétaire du groupe, offrit au président, M. Witteryck, au nom de tous les membres, un livre d'or contenant l'historique de l'Esperanto à Bruges.

Dans un petit discours en Esperanto, il dit au sympathique et dévoué président la reconnaissance des espérantistes brugeois à leur chef, qui a dirigé le bon combat et qui si souvent a redressé le courage faiblissant.

Toute la salle, debout, acclama le président, qui, très ému, remercia le secrétaire pour ses paroles si cordiales ainsi que pour le livre d'or.

C'est dans une joyeuse animation que les espérantistes se séparèrent, se promettant bien d'assister à la prochaine fête d'octobre.

**Bruges**. — Dum kunveno de la 3a de Majo, la komitato de la Bruĝa Grupo Esperantista difinis sian sekretarion, Sron leŭtenanton E. Van Weyenbergh, kiel dua delegito apud la komitato de la Belga Ligo Esperantista.

Sro sub-leŭtenanto Speybrouck estis elektita por anstataŭigi Fraŭlinon De Bois, kiel kasiston de l' grupo.

Ni jam raportis resume pri la festo de l' grupo ; hodiaŭ ni pli detale montros la sukcesan manifeston de niaj Bruĝaj samideanoj.

La « Bruĝa Grupo Esperantista » inde finis la vintrajn kursojn de 1906-1907 per literatura kaj muzika festo, la unua prezentita de tiu grupo al siaj membroj kaj kiu plene sukcesis.

Inter la ĉeestintoj, ni rimarkas multajn sinjorinojn, kvindekon da membroj el la Angla kolonio en Bruĝo, grandan aron da oficiroj el la Bruĝa garnizono kaj ankaŭ suboficirojn, k. t. p.

La programo estis tre densa.

Ni citu : « La lupo kaj la ŝafido » la faman fablon de La Fontaine, deklamitan kun tre granda lerteco kaj senteco de esperantistino 11-jara, Fraŭlino Duverdyn, la filino de la afabla prezidanto de la Ruĝa Kruco. Tiu ĉi parto de la programo naskis tondron da aplaŭdoj.

Ĉarma esperantistino el la Angla kolonio, Fino Were, ricevis sukceson tiel grandan, kantante per bela voĉo la gracian romancon « Kion vi deziras ? » poezio de So Noterdaeme.

Ni citu ankoraŭ : Finon Boedt kaj Son Van de Vyvere kiuj kantis : « Sekreta Vivado » poezio de So Van Oye, kaj « La Ventoj », poezio de So Guido Gezelle.

Ni ne forgesu gesinjorojn Duverdyn, la lertajn pianoludistojn kiuj ĉarmis la aŭdantaron ludante elektitajn kvarmanludojn, kaj Finon Huysman, pianoludistino ludante perfekte la « Grande Valse » de François Bendel.

Fine, la lasta numero : « Antaŭen Bruĝanoj » vortoj kaj muziko de la prezidanto de la grupo, grandege sukcesis.

Meze de la festo, la leŭtenanto E. Van Weyenbergh sekretario de la grupo, donacis al la prezidanto, Sro Witteryck, je la nomo de ĉiuj membroj, orumitan libron, enhavantan la historion de Esperanto en Bruĝo.

Per esperanta paroladeto, li diris al la simpatia kaj sindona prezidanto, la dankon de la Bruĝaj geesperantistoj al ilia estro kiu batalis la taŭgan batalon, kaj kiu tiel ofte refortigis la svenintan kuraĝon.

Ĉiuj la ĉeestantoj eklevis kaj fortege aplaŭdis la prezidanton, kiu tre kortuŝita dankis la sekretarion pri liaj tiel afablaj paroloj kaj ankaŭ por la orumita libro.

Kun ĝoja viveco, la geesperantistoj disiris, certigante ĉeesti al la proksima Oktobra festo.

**Bruxelles.** — Les groupes « Pioniro » et « La Semanto » organisent une excursion-promenade jusqu'à l'Institut des Sourds-muets et Aveugles de Woluwe, avec visite au Groupe Espérantiste des Aveugles de l'Institut.

Tous les espérantistes sont invités; on se réunira le dimanche 2 juin à 2 1/2 heures après-midi au Parc du Cinquantenaire, sortie vers l'Avenue de Tervueren.

**Courtrai.** — Un cours sera bientôt organisé chez les Pères Picpus, qui donnent l'instruction aux jeunes missionnaires pour les îles de la Malaisie. Grâce au dévouement des P.P. Ladislas, supérieur, et Valérien, professeur de Philosophie, qui tous deux pratiquent la langue, l'Esperanto aura bientôt de zélés adeptes à Courtrai.

**St-Trond.** — Le groupe local, afin d'éviter la confusion avec un autre groupe, a choisi le nom d'Excelsior; son local se trouve rue du Ruisseau n° 44, et le président choisi est M. J. Debruyn.

A l'école des Frères des Écoles Chrétiennes, les FF. Firmatus, directeur, et Louis professeur à l'Ecole professionnelle, dirigent un cours d'Esperanto, qui a lieu trois fois par semaine pendant une heure. L'établissement comprend une Ecole primaire, des cours d'Enseignement moyen supérieur pour les Etudes Commerciales et Professionnelles et de plus un cours d'Agriculture.

**Looz-la-Ville.** — Depuis Pâques, l'Esperanto est enseigné dans un cours obligatoire à l'Ecole Normale de N. D. du Refuge, tenue par les Sœurs de la Charité.

**Huy.** — On nous annonce que M. l'abbé Knaepen, professeur de langues germaniques au Collège St Quirin, vient d'y commencer un cours d'Esperanto.

**Arlon.** — Mademoiselle Lecointe a commencé son cours le 6 mai dans la Grande Salle de l'Hôtel-de-Ville.

M. N. Ensch-Tesch, le sympathique bourgmestre et président de l'Extension Universitaire, dans une courte et cordiale allocution, souhaita à M$^{lle}$ Lecointe, la bienvenue dans la cité luxembourgeoise. Après quelques paroles de remerciement, la dévouée espérantiste commença la leçon devant un nombre fort important d'élèves, près de cent.

Ce beau résultat, qui dépasse les espérances des organisateurs, nous est un sûr garant que l'Esperanto comptera bientôt de nouveaux zélés défenseurs.

**Nivelles.** — M. Ivan Sépulcre nous fait part de la naissance du Groupe Espérantiste de Nivelles.

La cotisation annuelle est de 3 francs et l'année sociale commence le 1$^{re}$ mai. Nous souhaitons longue vie et prospérité au nouveau groupe, et félicitons M. Ivan Sépulcre pour son dévouement à cette occasion. Lorsque le nombre de sociétaires sera suffisant, la groupe s'affiliera à la Ligue.

**Bruxelles.** — La grupoj « Pioniro » kaj « La Semanto » organizas promenadon-ekskurson ĝis la Instituto por Surdmutuloj kaj blinduloj en Woluwe, kun vizito al la Blindula Esperantista Grupo de la Instituto.

Ĉiuj esperantistoj estas invititaj; oni kunvenos je la dimanĉo 2$^{a}$ de junio, je la 2 1/2 horo posttagmeze en la Parko de l' Kvindeka Datreveno, elirejo de la Tervueren-Aleo.

**Courtrai.** — Baldaŭ estos organizita kurso ĉe la Patroj Picpus, kiuj instruas la junajn misiistojn por la insuloj de la Maleslando. Dank' al la sindonemeco de la P.P. Ladislas, katedro, kaj Valerien, profesoro de Filozofio, kiuj praktikas ambaŭ la lingvon, Esperanto havas baldaŭ fervorajn adeptojn en Kortrejko.

**St-Trond.** — La tiea grupo, por eviti konfuzon kun alia grupo, elektis nomon de « Ekcelsior »; ĝia sidejo estas rue du Ruisseau n° 44, kaj la elektita prezidanto estas S$^{ro}$ J. Debruyn.

En la lernejo de la Fratoj de Kristanaj lernejoj, la F.F. Firmatus, direktoro, kaj Louis, profesoro de la Profesia Lernejo, direktas kurson pri Esperanto, kiu okazas po trifojoj ĉiusemajne dum unu horo. La lernejaro enhavas unugradan lernejon, kursojn pri Supera Mezgrada Instruo por la Profesiaj kaj Komercaj Studoj, plie kurson de Terkulturado.

**Looz-la-Ville.** — De Pasko, Esperanto estas instruista en deviga kurso ĉe la Lernejo por Instruistinoj, (N. D. du Refuge) de la Fratinoj de l' Homamo.

**Huy.** — Oni sciigas al ni ke S$^{ro}$ Abato Knaepen, profesoro de germanaj lingvoj ĉe la Kolegio de « S$^{a}$ Quirin » komencis tie Esperantan kurson.

**Arlon.** — Fraŭlino Lecointe komencis sian kurson je la lundo 6$^{a}$ de majo en granda salono de la urbadomo.

S$^{ro}$ N. Ensch-Tesch, la simpatia urbestro kaj prezidanto de la Universitata Disvastigo, en mallonga kaj tutkora saluto, deziris al fraŭlino Lecointe bonvenon en la Luksemburga ĉefurbo. Post kelkaj vortoj de dankeco, la sindonema profesorino komencis la lecionon antaŭ grandnombro da lernontoj, aproksimiganta la centon.

Tiu bela rezultato, kiu superis la esperojn de la organizantoj, certigas al ni ke Esperanto havos baldaŭ novajn fervorojn defendantojn.

**Nivelles.** — S$^{ro}$ Ivan Sepulcre sciigas al ni la ĵus naskiĝon de la Nivelles' a Grupo Esperantista.

La jara kotizaĵo estas 3 frankoj, kaj la grupo jaro komencis la 1$^{an}$ de majo. Ni deziras al la nova grupo longan vivon kun prospero kaj gratulas S$^{ron}$ Ivan Sepulcre por sia sindonemo en tiu okazo. Kiam la nombro da grupanoj estos sufiĉa, la grupo aliĝos al la Ligo.

## Belga Ligo Esperantista.

La unua ekzameno por la akiro de l'atesto pri profesora kapableco okazos en Bruselo je la dimanĉo 7ª de Julio.

La personoj, kiuj deziras sin prezenti, bonvolu legi la kondiĉojn en nia 60ª numero, 21ª de Aprilo 1907.

---

## INTERNACIA ESPERANTISTA PROPAGANDEJO.

La laboro kaŭzita de la eldono kaj disvastigado de miaj ŜLOSILOJ tiom pliiĝis kaj kreskis, ke mi jam ne estas kapabla plenumi ĝin sola.

Por doni malgrandan ideon pri la kreskado, eble sufiĉas diri ke, dum la pasinta jaro, miaj presistoj ricevis la sumon da 16,000 frankoj, kaj ke la valoro de la provizo da ŝlosiloj kaj de la nepagitaj ŝuldoj reprezentas sumon da preskaŭ 10,000 frankoj kiu sumo kredeble duobliĝos en la nuna jaro, ĉar estas eldonataj 6 novaj ŜLOSILOJ.

Por daŭrigi la eldonadon de tiuj ĉi propagandiloj en ĉiuj lingvoj, kaj por certigi la sendependecon de la entrepreno, kaj ke ĝi servu nur al la propagando, ne celante mongajnon, mi formis, sub la nomo

**Internacia Esperantista Propagandejo,**

komitaton el la sekvantaj sep anglaj Esperantistoj : —
S-ro. James Blaikie, M. A. (Cantab.),
Major-Generalo George Cox, B. A. (Cantab.),
S-roj H. F. Höveler *(E. Ĉefeĉ)*,
E. L. Kearney, M. A. (Cantab.),
E. A. Millidge, *ĉefredaktoro de The British Esperantist*,
H. Bolingbroke Mudie, *ano de la organizanta Trio por la Kongreso en Cambridge*,
S. Nicholl, *honora sekretario de la Brita Esperantista Asocio*,

sub la estreco de Major-Generalo Cox ; kaj al tiu komitato mi transdonis ĉiujn ĝis nun aperintajn propagandilojn, kune kun ĉiuj rajtoj kaj privilegioj.

La ĉefa celo de la propagandejo estas la eldono kaj disvendo de —

(1) PROPAGANNDAJ ŜLOSILOJ enmeteblaj en leterojn kaj pezantaj 5 gramojn, je la vendprezo da 5 centimoj.

(2) La samaj libretoj presitaj sur pli bona papero kaj kun ia aldono por pravigi pli altan prezon, kiu ebligas disvendadon per helpo de librovendistoj, je la vendprezo da 10 centimoj.

La kapitalo necesa por plukonduki la entreprenon dum almenaŭ tri jaroj estas garantiata kaj prunte donita de unu el la komitatanoj, kiu ankaŭ garantias la komitatanojn kontraŭ perdo.

Tiu ĉi komitato elektos kunhelpantan internacian konsilantaron po 3 konsilantoj de ĉiu lingvo.

La letera adreso de la komitato estas : —

INTERNACIA ESPERANTISTA PROPAGANDEJO.
*Merton Abbey,*
*London, S. W.*,

kaj mi petas ĉiujn Esperantistojn, ke de la 1ª de Majo ili direktu ĉiujn leterojn, mendojn kaj monsendojn al tiu ĉi adreso.

## ESPERANTISTAJ KONSULOJ.

Ni memoras al nia ĝelegantaro ke la 2ª Kongreso aprobis la fondon de konsulejoj sed kondiĉe ke tiu fondo estos tute loka afero ; kiam ia Societo aŭ Grupo rekomendas ian konsulon, ni tion montros. Ĉiu Esperantisto povas, propravole, sin difini konsulo, sed ni povas prezenti por li, nenian garantiaĵon.

KVARA NOMARO.

(vidu nian 59ªn numeron).

SVISUJO.

**Genève :** Esperanto-Oficejo, 3, rue Bovy-Lysberg.

FRANCUJO.

**Le Hâvre :** Esperanto-Oficejo, Librairie Dombre, 10, place de l'Hôtel de ville, konsulejo de la Havre'a Esperantista grupo.

**Bordeaux :** Konsulo de l'Esperantista grupo : Sro Philippe Larlat, 184, rue Turenne.

**Dijon :** Konsulo de l' Esperantista Grupo: Sro Héluin, 65, rue des Godrans.

---

### AL LA INSTRUISTOJ.

En la grava gazeto « Journal des Instituteurs » nia samideano Sro E. Mathys, filo, el Loveno (Belgujo) publikigas serion da artikoloj pedagogiaj esperantlingve redaktitaj. Tiuj tekstoj estas la respondoj al li senditaj pri demandoj presitaj france, flandre kaj esperante en la dirita gazeto. Li petas ke ĉiuj instruistoj bonvolu respondi al li pri la jena demando.

« Laŭ kiu ordo vi instruas la literojn de la alfabeto ? Ĉu vi instruas malsame la vokalojn kaj la konsonantojn ? Se jes, kiel vi instruas pri konsonanto ? »

Oni skribos la respondojn sur poŝtkartoj kaj ilin sendos al Sro Eug. Matthys, filo, urba instruisto kaj belarta Profesoro en Loveno *(Louvain)*.

## RECETTES CULINAIRES.

### Maquereaux aux groseilles.

Prendre des groseilles à maquereau à moitié mûres et retirer les pépins, faire une farce avec ces groseilles, un peu de hareng frais, du beurre, des fines herbes, sel et poivre de Cayenne. Vider et laver des maquereaux et garnir l'intérieur avec cette farce. Le faire cuire dans l'eau salée, avec beurre, oignons et tranches de carottes. — Épépiner en outre deux bonnes poignées de groseilles à maquereaux encore vertes, les faire blanchir dans l'eau salée ; égoutter et mettre dans l'eau beurrée en y joignant de la muscade râpée et de la crème double très forte.

## KUIREJAJ ORDONOJ.

### Makroj kun grosoj.

Makro = speco de mara fiŝo.

Prenu grosojn duone maturajn kaj eligu la grajnojn, faru hakaĵon per tiuj grosoj, kelke da freŝa haringo, butero, aromataj herboj, salo kaj Kajen' pipro.

Lavu makrojn, elprenu la internaĵon kaj enlokigu interne la hakaĵon. Kuiru en sala akvo, kun butero, bulboj kaj tranĉaĵoj de karotoj. — Aliparte, eligu grajnojn el du plenmanoj da grosoj ankoraŭ verdaj, « blankigu » ilin en sala akvo ; defluigu kaj metu ilin en buterita akvo kunigante raspitan muskaton kaj duoblan kremon tre densan.

VATELINO.